# Esperanto en Azio kaj Oceanio

**(Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado)**
**N-ro 100**
Bulteno de KAEM
Septembro 2018

---

## La 9-a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto
### La 25an-28an de aprilo 2019

Loko: Danang, Vjetnamio
Temo: Esperanto kaj kultura diverseco de Azio kaj Oceanio




Da Nang situas en la centra parto de Vjetnamio, 764 kilometrojn de Hanojo kaj 964 kilometrojn de la urbo Ho Chi Minh. Ĝi kuŝas en la norda-suda akso de transporto de ter-, rel-, mar- kaj aer-vojoj. Da Nang havas multe da belaj vidindaĵoj.

# Mesaĝoj al la 100a numero de Esperanto en Azio

## Karaj legantoj de *Esperanto en Azio*,

D-ro Mark Fettes, Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio



Antaŭ kvarona jarcento, kiam naskiĝis ĉi tiu grava komunikilo, mi membris en la Estraro de UEA kune kun la tiama estrarano pri Azio, d-ro SO Gilsu. Mi ankoraŭ memoras la kunsidon, en kiu li prezentis sian planon por la evoluigo de la azia Esperanto-movado. Ĝi estas admirinde simpla kaj klara kaj celtrafa: membrigi azianojn, vojaĝigi instruistojn, interkontaktigi kaj kunlaborigi la diversajn aziajn landojn.

Ekde tiu tempo, *Esperanto en Azio* rolas kiel la heroldo de tiu strategio. Per la paĝoj de la bulteno, ĝiaj legantoj povis sekvi la disvastiĝon de Esperanto en landoj, kie ĝi delonge dormis; konatiĝi kun novaj kaj brilaj aktivuloj; kaj ekscii pri novstilaj kaj sukcesaj aranĝoj kaj projektoj. Azio dum tiuj jaroj fariĝis granda fonto de energio kaj talento kaj ideoj por la tutmonda movado. Kiel pacienca vartistino, *Esperanto en Azio* akompanis kaj subtenis ĝian progreson kaj maturiĝon.

Okaze de ĉi tiu 100-a numero de la bulteno, mi elkore dankas kaj gratulas la multajn aktivulojn, kiujn kontribuis al ĝi tra la jaroj. Viaj sukcesoj estas la sukcesoj de ni ĉiuj. Nome de la Estraro kaj Komitato de UEA, mi deziras plian prosperon kaj viglan disvolviĝon al la movado en Azio, kaj al tiu ĉi ĝia ĉefa komunikilo.

Kun admiro kaj espero, Mark Fettes

# 100a “Esperanto en Azio kaj Oceanio” en 29 Jaroj



SO Jinsu, prezidanto de KAEM

La numero de nia organo, kiu kreskis de “Esperanto en Azio” ĝis “Esperanto en Azio kaj Oceanio”, nun renkontas 100. La unua numero de “Esperanto en Azio” eldoniĝis en majo de 1990, kiun eldonis Profesoro, d-ro SO Gilsu, kaj redaktis s-ro Joachim Werden el Pollando. En majo de 2005, nia organo atingis al 50a kaj 15a datreveno de eldono. 1990-ajn, 2000-ajn jarojn multe laboris por redakto niaj estimataj s-ino Doi Ĉieko kaj s-ro Hori Jasuo. Kaj nun s-ro Hori el Japanio kiel redaktoro, s-ino Tahira Masako el Japanio kaj s-ro Albert Stalin Garrido el Filipinio sin dediĉas kiel reviziistoj. Kaj Japana Esperanto-Instituto multe helpas presadon kaj ekspedon.

La cifero ‘cent, 100’ signifas multon, tuton, plenumon, malneton, kompleton kaj naskon de nova etapo en la koncepto de homoj. Okaze de la 100a numero de nia organo, ni mem tostu kaj aplaŭdu al ni ĉiuj, kiuj kontribuis por la enhavoj kaj akumulado de historio. Kompreneble ni ne devus forgesi dankojn al ĉiuj raportintoj, kaj specialajn dankojn al redaktintoj kaj redaktantoj inkluzive reviziistojn kaj helpantojn.

Ekde 1994 de la fondo de nia komisiono okazis nekalkuleblaj eventoj en Azio kaj Oceanio. Kunlabore kun UEA kaj ĝiaj aliaj komisionoj, nia komisiono kreskis kaj kreskas je nuna grando kaj nivelo. Nia komisiono nun konsistas el 14 landoj, kaj havas observantojn de rusa REU, kaj 2 gravajn tutmondajn organizojn, ILEI kaj TEJO. Dank’al sindonemaj aktivoj de iniciatoro de la komisiono D-ro SO Gilsu, komencaj pioniroj, prezidantoj de KAEM s-roj Puramo Chong, Hori Jasuo, Sasaki Teruhiro, Lee Jungkee, Wang Ruixiang, kaj estraranoj kun landaj reprezentantoj, nia komisiono okulfrape progresis.

Nia komisiono kaj membroj naskis historiegojn kaj historietojn dum lastaj 25 jaroj, kaj dum la 29 jaroj inkluzive prahistorian periodon. Kaj

ni nun havas la projektojn de Azia Kongreso, kunlaboro inter membroj, kunlaboro kun UEA kaj ILEI, edukado, eldono de libroj, kaj subvencioj por pli aktiva movado. Nun ni informiĝas pri nia movado per tiu ĉi organo kaj interretaj iloj kiel retpaĝo kaj fejsbuko.

Ĉio pli grandiĝas kaj multiĝas per ĉies kunlaboro kaj kompreno. Mi esperas, ke vi havu daŭran intereson al nia komisiono kaj organo, kun kontribuoj per fortoj kaj skriboj.

## Gratulojn al ĉiuj esperantistoj en Azio !!

Mireille Grosjean, Prezidanto de ILEI

Ili agadas, legas, instruas, vojaĝas, eldonas. Ili ankaŭ akceptas gastojn en siaj domoj. Tion mi povis konstati kaj kun plezuro sperti. Mi alvenis al Japanio en 2007 por la Universala Kongreso en Yokohama. Poste mi havis la okazon malkovri belegan valon okcidente de Kyoto, kie Oomoto havas siajn du centrojn. Mi povis ĝui la vivon en tiu medio kaj praktiki diversajn japanajn tradiciojn kiel kaligrafion, potfaradon, aikidon (tion mi jam praktikis en Svislando antaŭe). Post mia emeritiĝo en 2008 mi venis septembre unue al Koreio, kie mi turneumis dum unu monato kaj loĝis en 12 familioj. Oktobre mi saltis al Japanio por 6 monatoj, mi gastis en 22 familioj.

En 2009 en aprilo mi flugis el Kyoto al Tajvano. Tio estis belega sperto, okmonata restado en tiuj 3 regionoj. Sed mi ankaŭ vizitis Mongolion okaze de Azia Kongreso en 2010. En 2012 mi reiris al Japanio kaj restadis tie du monatojn, sekvis Ĉinio okaze de la ILEI-Konferenco en Kunming kaj poste Hanojo, Vjetnamio okaze de UK samjare. Post tiuj du eventoj mi iris al Nepalo kaj malkovris tiun belegan landon. Mi ankaŭ tie multe kunlaboris kun la lokaj esperantistoj. Kvarmonata azia restado. Mi revenis al Azio, Ĉinio, okaze de la Azia Kongreso en 2016. Plie mi estis ankaŭ en Israelo por UK en Tel-Avivo en 2000, en Turkio por Mezorienta Kunveno dufoje. Armenio ankaŭ tre plaĉis al mi ; tiu lando apartenas geografie al Azio, ĉar ĝi situas sude de la montaro Kaŭkazo, sed membras en Konsilio de Eŭropo ; do tiu lando staras sur du piedoj. En 2016 unuan fojon mi iris

al Barato, denove por Esperanto-kongreso.

Mi devas danki al azianoj, kaj ĉefe al japanoj, ĉar mi vizitis Japanion unuan fojon en 1985 pro mia praktiko de aikido kaj mia intereso pri tiu kulturo. Reveninte al Svislando, mi eksciis pri Esperanto, pri Esperanto en Japanio, kaj pro tio lernis nian lingvon. Kiel vi povis legi ĉi-supre, Esperanto malfermis al mi la pordon de entute 10 aziaj landoj. Elkoran dankon !!

## Gratulo al la 100-a numero de "Esperanto en Azio"!

Renato Corsetti, eksa prezidanto de UEA

"Estas malfacile antaŭvidi okazaĵojn, ĉefe se ili okazos en la estonteco." Tion diras eŭropa saĝulo, sed aliaj eŭropanoj provas tre intense antaŭvidi okazaĵojn ĉefe en Azio, ĉar la konscio, ke la estonta tempo alportos novaĵojn el Azio al la tuta mondo, estas jam firme establita.

Sekvante ilin, mi mem antaŭvidas, ke ankaŭ por Esperanto novaĵoj venos ĉefe el Azio. Ĉar la internacia lingvo Esperanto estas facila kaj justa vojo por komunikado inter Azio kaj la mondo, mi atendas la momenton, kiam la parolantoj de Esperanto en Azio estos milionoj. Nur tiam Esperanto estos en sekura traviv-situacio.

Kuraĝon, aziaj esperantistoj, vi nun havas la torĉon kaj vi devas pluporti ĝin. Ni, la maljunuloj, kapablas nur aplaŭdi.

Sukcesojn!

## "Esperanto en Azio" estas tre interesa revueto

La bulteno "Esperanto en Azio" estas ege interesa revueto, kies enhavo informas nin pri la pulsado de la movado en ĉi tiu granda spaco de la tero. Dank' al la Bulteno ni ricevas ĝustatempe informojn pri la kresko de la movado en diversaj landoj de Azio. En ĉi tiu Internacia tago de Esperanto mi sincere gratulas vin ĉiujn okaze de la apero de 100 numero de "E en Azio" kaj deziras pliajn sukcesojn.

Amike, Firdaus (Taĝikio)

## Kune celebru tiun-ĉi gravan datrevenon!

Estas nedireble pri mia sento leginte vian informon pri granda evento "La 100a numero de Esperanto en Azio". Kune celebru tiun-ĉi gravan datrevenon!

Mi admiras laboron de prof. So Gilsu, s-ro Hori kaj s-ino Tahira kun ĉiuj kontribuantoj. Dank' al vi ĉiuj, pro via senlaca agado, ne nur la bulteno sed ankaŭ la movado de Esperanto en Azio kaj nun estas Esperanto en Azio kaj Oceanio plidisvolviĝas kaj plifortiĝas. Ni kune agadu pri flora movado en Azio kaj Oceanio!

Amike,

Phuong Mai, ĝenerala sekretario de Vjetnama Esperanto-Asocio

## Estimataj Hori-san, Tahira-san kaj aliaj skipanoj,

Mi estas ege kontenta aŭdi pri la centnumera jubileo de Esperanto en Azio. Mi skribas por vin kore gratuli kaj danki pro la longdaŭra kaj senlaca laborado. Nun videblas ondo junula en pluraj aziaj landoj. Novaj landoj elanas. Ni trafe kaptu la okazon! Amike bondeziras al ĉiuj legantoj:

Probal Dasgupta (Barato), eksa prezidanto de UEA

# .......Historieto de « Esperanto en Azio ».........

**1990 majo**

1) Unua numero de "Esperanto en Azio" eldoniĝis. →




Eldonanto: prof. d-ro SO Gilsu (estrarano de UEA pri la azia agado)

Redaktanto: s-ro Joachim WERDEN (Pollando)

**1991 oktobra numero (n-ro 6)**

Ŝanĝo de redaktanto de "Esperanto en Azio"

Eldonanto: prof. d-ro SO Gilsu (Koreio)

Redaktanto: s-ino DOI Ĉieko (Japanio)



Esperanto en Azio

Bulteno de UEA pri la Esperanta movado en Azio

**1995 oktobra numero**

Ŝanĝo de eldonanto de "Esperanto en Azio"

Eldonanto: s-ro TAKEUTI Yosikazu, prezidanto de KAEM (Japanio)

**2001 septembro (n-ro 39)**

Ŝanĝo de redaktanto de "Esperanto en Azio":

Redaktanto : HORI Jasuo (Japanio)



Esperanto en Azio

Enhavo

**2005 majo**

50-numeriĝo kaj 15a datreveno de "Esperanto en Azio"



Esperanto en Azio

**Nuna stato de nia revuo**

# Nun KAEM eldonas 4 numerojn jare; nome en januaro, aprilo, julio kaj oktobro.

# Redaktanto s-ro HORI Jasuo (Japanio)

Li laboras de la 39a numero (septembro 2001). Ĝis la fino de 2007 li eldonis 3 numerojn jare, sed poste 4 numerojn. Li seninterrompe eldonadas 3 aŭ 4 numerojn ĉiun jaron jam dum 17 jaroj.

# Reviziisto:

s-ino Tahira Masako (Japanio). Ŝi seninterrompe laboras kun Hori.

# Presado kaj ekspedo:

Japana Esperanto-Instituto

# Okazis Azia Agado dum la UK en Lisbono




Ekde la 28 de julio ĝis la 4a de aŭgusto okazis la 103a Universala Kongreso de Esperanto en Lisbono, Portugalio. Dume okazis Azia Agado (La suba foto) kaj oni raportis sian agadon kiel en la sekvaj paĝoj. En alia tago okazis Fermita Kunsido de KAEM kaj oni diskutis pri la 9a Azia Kongreso kaj aliaj aferoj.



# Movadoj en Azio kaj Oceanio

## Koreio

### Esperantaj Eventoj inter 2017 Julio – 2018 Julio

SO Jinsu (Korea Reprezentanto de KAEM)

**Organizo**

1. Internaciaj eventoj:

Kunlabore kun UEA Korea Esperanto-Asocio (KEA) organizis la 102an Universalan Kongreson de Esperanto, okazintan inter la 22a kaj la 29a de julio 2017 en universitato HUFS de Seulo. Kaj en ĝi partoprenis 1172 el 63 landoj.

La Korea Sekcio de ILEI organizis la jubilean 50an Kongreson en Busan inter la 15a kaj la 22a de julio 2017, tuj antaŭ Seula UK.

La korea kaj japana SAT-anoj organizis la 90an SAT-Kongreson en urbo Kimpo inter la 29a de julio kaj la 5a de aŭgusto 2017.

IKEF-Koreio organizis la 1an Komunan Konferencon de IKEF en Seulo inter la 20a kaj la 22a de julio 2017.

Ŭonbulistoj organizis la 13an Internacian Esperanto-Renkontiĝon de Meditado de Ŭonbulismo inter la 29a de julio-la 1a de aŭgusto 2017 en urbo Iksan.

2. Enlandaj okazoj:



La 49a Korea Kongreso de Esperanto okazis inter la 21a-la 22a de oktobro en Seulo, kie oni retrovidis kaj diskutis la rezultojn de Seula UK. KEA okazigas dutagan lernokunvenon 4-foje dum la lastaj 12 monatoj.

Namkang-Lernejo akceptis esperantistojn en printempo kaj aŭtuno, kaj homoj amasiĝas en Yuseong Junulara Gastejo en somero kaj vintro.

**Kursoj kaj Disvastigoj de Esperanto**

En universitatoj de HUFS kaj Kyonghui okazis Esperantaj kursoj kiel elektata leciono por la 1-a semestro de 2018. Seula Esperanto-Kulturcentro administrata de s-ro Lee Jungkee, estrarano de UEA, okazigas kursojn elementan kaj mezan. Kaj la nombro de la kursoj jam atingis la 316an en julio 2018. Lokaj filioj de KEA okazigas Esperanto-kursojn tra la jaro. Kaj la kursoj per skajpo reta kaj katoko mantelefona estas en aktiva movo.

**Aliaj agadoj**



La 158a Zamenhof-Tago okazis en la oficejo de KEA en la 9a de decembro 2017, kaj la 101a Memortago de Zamenhof okazis en la 12a de aprilo 2018, ĉe la oficejo de KEA.

18 ĉinaj esperantistoj kaj neesperantistoj vizitis Nord-Koreion turismocele kun la misio de diskonigo de Esperanto al nordkoreoj inter la 4a kaj la 7a de junio 2018. Tio estis signifoplena projekto.

**Eldonado**

La Lanterno Azia, la oficiala organo de KEA, eldoniĝis en 2017 ĉiun monaton, kaj en 2018 ĉiun duan monaton. Kaj KEA eldonis tri verkojn en 2017:

1) Korea Antologio de Noveloj
2) Interesaj esprimoj en korea lingvo
3) Esperanto kaj mi (2)

**Mongolio**

## Skize pri mongola Esperantujo

**Organizo**

1. Mongola E-Unuiĝo (1970-1991); Mongola E-Asocio (1991-2002); Mongola E-Societo (ekde 2003). Refoje registrita en 2008 ĉe Ministerio pri Justico.
2. La 70a landa asocio de UEA (2009).
3. Membroj: 29 (inter ili pli malpli 10 E-parolantoj). Prezidantino Khurelbaatar Tuul. En 2018 aliĝis al UEA 5 esperantistoj laŭ projekto de Azia-Oceania Komisiono.
4. Fakaj Filioj: ILEI-Mongolio (5 membroj); IKEF-Mongolio (5 membroj).

**INSTRUADO** La organizo okazigas elementan kurson ĉiu-jare. Semajne 3-foje po 2 horoj dum 1 monato.
Instruado en 2017 (Instruistoj s-ino Altantsetseg kaj s-ro Enkhee, sama kurso)

Instruado en 2018 (Instruisto s-ino Tuul)



**EVENTOJ** Ĉiujare ni bonvenigas eksterlandajn esperantistojn karavanajn kaj/aŭ unuopulojn.

1. Ekskurso en 2016: La korea karavano organizita de s-ro SO Gilsu de Seulo ĝis Berlino dum 3-taga restado en Mongolio.




2. Ekskurso en 2017: La internacia karavano organizita de s-ro SO Gilsu de Berlino ĝis Seulo dum 3-taga restado en Mongolio en 2017.
3. Ekskurso en 2018 : La karavano organizita de japana esperantisto s-ro Hori Jasuo. Ni kune ekskursis tra mongola ĉefurbo kaj aventure veturis al nordokcidenta parto de la lando nomata nacia parko Lago de Ĥuvsgul, dum 8 tagoj.

## Japanio

**Organizo**

1. Landa Asocio: Japana Esperanto-Instituto (JEI)
2. Membraro: individuaj membroj 1045, grupaj membroj 63
3. Esperanto-organizoj kaj grupoj en Japanio
   Tutlandaj organizoj krom JEI: 3 (Japana E-Junularo, E-Populariga Asocio, Rondo Harmonia)
4. Regionaj ligoj: 9 lokaj ligoj: 88 fakaj grupoj kaj aliaj 47

**Agadoj en 2017**

1. Raporto de Japana Esperanto-Instituto
   1) Informado: "Esperanto Nun" al amaskomunikiloj 4-foje jare, la 2-a filmet-konkurso pri E kaj Tergloba Festo 2017 en Tokio
   2) Edukado: Studkunsido por E-gvidado per reta video komenciĝis.
   3) Eldonado: "La nanoj en domo kun granda zelkovo" kaj la 2-a

presado de E-Japana Vortaro kun korektoj ktp.

4) Zamenhof-jaro 2017: Publikaj prelegoj en la E-Tago junie kaj dum la japana kongreso ekspozicio pri Zamenhof kaj prelego.

2. La 104-a Japana Esperanto-Kongreso (la 3a-la 5a de novembro)



Okazis prelego de s-ro Roberto Kaminski de la Pola E-Asocio per monhelpo de la Pola Kultura kaj Informa Centro en Tokio.




2. La 2-a Komuna Kongreso de Japanio kaj Koreio (la 12a-14a de oktobro 2018 en Nara, la 105-a Japana Esperanto-Kongreso kaj la 50-a Korea Kongreso de Esperanto)

Temo: Diverseco kaj komuneco de kulturoj – en Esperanto

## Vjetnamio

**Organizo**

1. Vjetnama Esperanto-Asocio havas ĉirkaŭ 200 membrojn kaj 4 subajn organizojn: Esperanto-Asocio de Ho Chi Minh Urbo, Hanoja Esperanto-Asocio (HANEA), Sekcio Nguyen Van Kinh kaj VEJO

- VEJO: valorigis internajn fortojn, sukcese okazigis la 6-an Kongreson aprile.
- Tiu-ĉi tempo estas markita de la elstara kresko de Hanoja Esperanto-Asocio, kiu sukcese, brile organizis la 20-an datrevenon de la asocio en la franca kultura centro, centre de Hanojo, fondis 2 pliajn sekciojn kaj membroj multiĝis; unuafoje en movado-historio, HANEA gajnis subvencion el neesperanta firmao por sia agado. Pro elstaraj atingoj, fine de 2017, Popola Komitato de Hanojo aljuĝis komplimentan atestilon al HANEA.

Esperanto-Asocio en Vjetnamio estas konsiderata kiel ŝtata organizo. Pro tio, kiel ĉiuj vjetnamaj amikecaj asocioj, Esperanto-Asocioj devas okazigi kongreson ĉiukvinjare ĉefe por elekti novan estraron. Ĉi-jare en 2018, VEA finis la 5-an oficmandaton, kaj komencas la 6-an oficperiodon 2018 – 2023, la 6-a kongreso estos organizita la 9-an de septembro.

**Agadoj**

- Zamenhof-Tago estis vaste akceptita kaj okazigita en ambaŭ suda kaj norda regionoj.
- Printempa Renkontiĝo okazis marte en Botanika Parko. Tio estas la plej amuza agado, kiu altiris amikojn neesperantistajn, kun kantado kaj interesa programo.
- Daŭrigis la aktivecon de la subaj organizoj:
+ En Ho Chi Minh Urbo, ofte okazis agadoj en la sidejo de la Unio de amikecaj organizoj, malfermis retpaĝon por novaj lernantoj.
+ En Hanojo: Esperantistoj aktive partoprenis en la eventoj alvokitaj de la Unio de amikecaj organizoj de Hanojo kiel amikeca kantokonkurso, kurado por infanoj, kurado-konkurso por paco … Sekcioj de HanEA ofte okazigis ekskursojn por plifortigi solidarecon kaj interkomprenon inter membroj.

**Kunlaboro inter proksimaj kaj najbaraj landoj**

Por fortigi bonajn rilatojn kun aliaj landoj, vaste propagandas pri Azia-Oceania Kongreso, Esperanto movado kaj Vjetnamio:

- Partoprenis en esperantaj aranĝoj kiel: la 104-a Japana Kongreso, Himalaja Renkontiĝ en Nepalo, la UK en Lisbono.
- Invitis internaciajn amikojn al Somera Renkontiĝo (SOREN) per subteno el KAEM.
- Multfoje bonvenigis amikojn vizitantajn nian landon.
- Partoprenis en Esperanto-legkonkurso Sumoo regule.

**Preparado por la 9-a Azia Kongreso**

- Kun KAEM: preparis la 1-an informilon, aliĝilon, provizoran programon.
- Kun VUAO (Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj): faris detalan planon, preparis oficialajn dokumentojn petante subvenciojn de la Ŝtato: afiŝoj surstrate, urba akcepto por reprezentanto de ĉiu lando, duontaga ekskurso ĉirkaŭ la urbo, nacia vespero.
- Malfermis kursojn en Hanojo kaj urbo Ho Chi Minh.

**Tradukado – Eldonado**

Klopodis eldoni kelkajn librojn okaze de la 9-a AK:

+ "Nia mirinda vojaĝo kaj aliaj rakontoj" estis financita de s-ro Hori Jasuo
+ Vortaro de proverbaro en 4 lingvoj: Esperanto-angla-franca- vjetnama eldonota per monkolekto de vjetnamoj esperantistaj kaj neesperantistaj.

**Plano:**

- Forte propagandi pri la 9-a Azia Kongreso:
+ Por altigi atenton de la publiko pri Esperanto kaj la 9-a AK, HANEA organizos Artan Festivalon en la mezo de aŭgusto en la Kultura Centro de distrikto Dong Da, unu el la kvar unuaj grandaj distriktoj de Hanojo.
+ Kuraĝigi vjetnamojn lerni Esperanton kaj partopreni al la 9-a AK.
+ Grupigi vjetnamajn kongresanojn por trejni ilin pri kongresa sperto, lingva nivelo ktp.

## Tajlando





**1. Monata renkontiĝo**

Ni simple renkontiĝis kun aliaj klubanoj por babili, legi E-librojn, kune ludi kartojn iom en E. (foto)

**2. Kursoj**

(1) La 2an-3an de marto 2018 Filmkurso. Instruis franca esperantistino al 8 homoj (foto)

(2) La 21an de aprilo Enkonduka kurso. Instruis Vicente Manzano-Arrondo (hispano) kaj Unika (koreino) al 6 homoj.

**3. Internacia renkontiĝo**

La 27an-29an de aprilo okazis la 1-a Kunveno de Sudorientazia Junualro (KSJ) en Aŭutthaŭa, Tajlando. En ĝi partoprenis 36 homoj el 11 landoj: Barato, Brazilo, Ĉinio, Hispanio, Indonezio, Japanio, Nepalo, Singapuro, Sud-Koreio, Vjetnamio kaj Tajlando. Ĝi estis la plej granda E-aranĝo en tajlanda E-movado.

**4. Vizito de alilandaj esperantistoj**

Inter tiu tempo venis esperantistaj vojaĝantoj al Bangkoko el Japanio, Koreio, Britio, Tajvano. Ni ankaŭ havis ŝancon ekzerci la parolkapablon kun ili.

**5. IRUHA**

2 membroj partoprenis la konferencon "Inter-Religious Relation for Sustainable World Peace", kiu estis organizita de Internacia Reto de Universala Homama Asocio (IRUHA) kaj kontribuis al poemoj en Esperanto pri paco.

## Taĝikio

Bedaŭrinde neniu esperantisto el Taĝikio povas partopreni la UK-on pro la multekosteco de la vojaĝo.

Ni daŭre movadumas (instruas kaj informas la publikon pri ekzisto de Esperanto). Por instrui en mezlernejo estas tradukita al la taĝika lingvo la lernolibro de s-ro Stano Marchek.

Antaŭ semajno okazis akcepto de du francaj esperantistoj, kiuj venis al Taĝikio per biciklo. Nia ano ĵurnalistino Mavzuna intervjuis la gastojn por la semajngazeto "Vespera Dushanbe".

Ni planas kunlabori kun la novfondita Uzbeka Esperanto-Asocio.
Amike, Firdaus

## Pakistano

Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) sukcese okazigis sian 40-an Jaran Kongreson inter la 14a kaj 15a de decembro en 2017 en la urbo Lahore, Pakistano. Oni dividis kongreson en tri partojn. PakEsA aranĝis agadojn antaŭ kaj dum la kongreso.

Entute pli ol 150 studentoj kaj 150 studentinoj partoprenis en kvar seminarioj, kaj 20 studentoj kaj 27 studentinoj eklernis en niaj kursoj antaŭ kaj dum la kongreso.



La 14an de decembro okazis akcepto kaj kunsido en prezidanta oficejo de PakEsA kaj enkonduka seminario en "Institute of Plascot System". Gesamidanoj venis el diversaj urboj inkluzive Lahore, Multano kaj Islamabado. Ankaŭ el Kasure, Sheikhupura, Hafzaabad, Guĝranwala kaj Nankana sahib. Planon por 2018 oni diskutis kaj decidis.

La 41-a Jara kongreso de PakEsA okazos inter la 14 kaj la 15a de decembro 2018 en Multan. Dum la kongreso prelegis s-ro Shahid Bokhari, prezidanto de Universala Islamisma Esperanto-Asocio (UIEA), s-ro Raheem Shah Khan, ĉef. vic-Prezidanto de PakEsA kaj d-ro Sultan Khan, prof. Saeed Ahmad Farani.

La 15-an de decembro PakEsA aranĝis seminarion kaj budon en hostelo de "Government Science College, Wahdat Road" kaj enkondukan seminarion en "Rana Science School and Academy".

## Israelo

**Aprilo**

Kvindek personoj partoprenis la 18an Israelan Kongreson en Aŝkelono, sep eksterlandanoj, de Rusio, Usono, Germanio, Latvio kaj Litovio. Koncertis Edgar de Asorti. Kiel kutime okazis antaŭ- kaj post-kongresaj ekskursoj por la eksterlandanoj.

En la Holokaŭst-memor-ceremonio en Yad Vashem metis la tradician florkronon nome de UEA kaj ELI Gabi Zeevi, Malka Zemeli kaj Amri Wandel. Klare aŭdeblis la invito por la florkrono, en Esperanto, same kiel en tiu ĉi video de 2018:

www.youtube.com/watch?v=Cfu4nJkaefs

**Junio**

Esperanto-budo funkciis dum 5 tagoj de la Internacia Libro-Foiro de Jerusalemo. La Foiro okazas ĉiun duan jaron, kaj jam de 12 jaroj ELI luas budon por E-libroj. Centoj da personoj ricevis flugfoliojn kaj pluraj aĉetis librojn.

Estis inaŭgurita la renovigita E-tabulo en la preĝejo Patro Nia, en la Oliva Monto, Jerusalemo.

**Julio**

Nur du israelanoj partoprenis en la 102-a Universala Kongreso en Seulo. Amri salutis nome de Israelo kaj invitis al la Israelaj Kongresoj en 2018 kaj 2019. Furoris en la Libroservo la memorlibro pri Josi Ŝemer.

**Aŭgusto**

Pli ol 30 s-anoj ĉeestis en la tradicia SOmer-FIna kunveno (SOFI) en la kafejo "Kafe- Kafe". Oni aŭdis pri la UK en Seulo, aĉetis la novan T-ĉemizon de la Zamenhof-Jaro, sed ĉefe babilis en bona etoso kun bona gustumado.

Post plurjara paŭzo, rekomenciĝis la kunvenoj de la Jerusalema Grupo, organizitaj de Laurin Lewis. La unua kunveno okazis en lia hejmo, kaj partoprenis i.a. nia dumviva membro Kiti Zicherman. La sekvaj kunvenoj okazis la lastan ĵaŭdon ĉiun monaton en la nova klubejo (la Ortodoksa Centro, Keren Hajesod 22).

**Septembro**

Post plurjara paŭzo la estraro decidis reokazigi E-kurson en Tel-Avivo, kiun instruu Doron Modan.

**Oktobro**

S-ino Ans Bakker el Nederlando ricevis en la tel-aviva klubo ateston pri honora membreco en ELI. S-ino Bakker ankaŭ vizitis la renovigitan Jerusaleman Grupon. Vizitis la klubon ankaŭ Prof. SO Gilsu el Koreio, kiel parto de sia trimonata esplorvojaĝo pri la antikva simbolo svastiko. Li prelegis pri Koreio. Liaj spertoj en Israelo aperas en interesa bilda blogo, en E-o kaj en la Korea:

https://blog.naver.com/sokoguryo/221208020941

**Decembro**

35 s-anoj kolektiĝis en granda salono apud la tel-aviva klubo. Estis riĉa arta programo kun muziko (Doron), kantado (Enrica, Ŝoŝia kaj David), kaj eŭritmia dancado (Tali). En la parola parto Mikaelo Lineckij prelegis pri la komenco de Esperanto, kaj (hebrelingve) Amir Naor pri la interna ideo de Esperanto kaj Eran pri sia nova lerneja E-kurso "Nitsotsot". Amri raportis per bilda prezentaĵo pri la jara agado de ELI kaj okazis elektoj por nova estraro.

**En 2018**

La 19-a Israela Kongreso okazis en Akko, la 3an-5an de majo kaj postkongreso la 6an-12an de majo, aperis raportoj en Revuo Esperanto en la junia (Kalejdoskopo) kaj julia n-roj

Mi aparte volos inviti por la 20-a Israela Kongreso okazonte kune kun la kunveno de MONA (en Eilat, Israelo, kaj Akaba, Jordanio), en aprilo 2019 (http://esperanto.org.il/ik20-mona.html), al kiu ni planas inviti aktivulojn el aziaj landoj helpe de KAEM.

La 20-a Israela Kongreso de Esperanto Eilat 11-13 aprilo 2019

La Kunveno de MONA Akaba 1-15 aprilo 2019

## Indonzeio




1) La 2-a Tri-landa Kongreso de Esperanto, la 28 de marto - la 1a de aprilo 2018, en Bekasi, Indonezio (Australio, Novzelando k. Indonezio).

Raportas la prezidanto de IEA, s-ino Ilia Sumilfia Dewi, https://youtu.be/0wbdQlDbb1U

* Klaku al la indiko de la retejo (premante la klavon “Ctrl”).



## Barato

La 4-a Sud-Azia Seminario (SAS, la 12an-15an de oktobro 2017, Bengaluro, Barato) kun 54 aliĝintoj.



La partoprenantoj akceptis laborplanon proponitan de la vic-prezidanto de UEA, Stefan MacGill, por antaŭenigi la movadon en Barato.

## Uzbekio

1. Paca muzeo en Samarkando
   S-ro Anatoli Ionesov administras ĝin.
2. Fondo kaj registro de Uzbekia Esperanto-Asocio
   S-ro Gafur Mizro fondis UzEA. Julie UzEA agnoskita kaj registrita ĉe la Ministerio de Justico de Uzbekio
3. S-ino Tatjana Loskutova instruis unu semajnon en Samarkando kaj nun en Taŝkento. Jam 16 sukcese ekzameniĝis je nivelo A1.

## Filipinio

Okazis ĝenerala asembleo de fondo de E-Societo de la universitato de Filipino "UP E-Societo" en la kampuso Diliman, Manilo en la Tago de Esperanto 2018.

(Fino de la raportoj dum Azia Agado)

# Raportoj el Azio

## Mongolio

### Ekskurso tra Ulanbatoro kaj nacia parko Ĥuvsgul



Inter la 18a kaj la 25a de junio 2018 mongolaj kaj japanaj esperantistoj ekskursis tra ĉefurbo Ulaanbatoro, vizitante turismajn lokojn, kaj poste ili aventure veturis al nacia parko Ĥuvsgul-lago ĉ. 800 km for, kaj survoje trapasis la urbojn Bulgan, Erdenet, Murun kaj Ĥatgal. Ĉe la lago Ĥuvsgul ni enhoteliĝis en turisma kampadejo "Antikva Maro". Tie la ekskursantoj ĝuis pitoreskan naturon, vivmanieron de loka nomada familio kaj varman fonton nomatan "Bulnaj".

Revenvoje la ekskursantoj tranoktis en turisma kampadejo apud la estingita vulkano "Uran Togoo". Okazis du bankedoj de mongolaj kaj japanaj esperantistoj: en la 1a tago bonveniga kaj la 7a tago adiaŭa. Dankojn al niaj japanaj partoprenintoj de la ekskurso!

**Ĉinio**

## Propagando de Esperanto okaze de 2018a FIFA

Je la 18:00, sabate la 16-an de junio, Liaoning Internacia Ekonomia kaj Kultura Klubo, Ĉinio, arigis 30 membrojn en Shenyang Sporta Parko, kun temo "Eksterordinara Nokto", reage al la Futbala Mondopokalo.

Sur muro pendis granda banderolo kun la skriboj "LA TEMPO ESTU VIA 2018 FIFA" en la ĉina lingvo kaj Esperanto, kaj sur longa tablo estas granda kuko. Oni mirinde trovis, ke la verda standardo "aperas" sur la banderolo kaj la kuko.

Nemalmultaj promenantoj en la parko demandis, kion reprezentas la verda flageto. S-ro Liu Weijie, esperantisto kaj prezidanto de la Klubo, klarigis al ili, ke la verda flago estas Esperanto-flago. Li plie klarigis, kio estas Esperanto. Li prezentis, ke en Esperantujo troviĝas esperantista futbalteamo, i.a. Cristiano Ronaldo, la fama portugala futbalisto, ne nur lernis Esperanton, sed laŭdire ludos en la Esperanto-teamo dum la kongresa futbalado en la 103-a UK okazonta en la venonta julio en Lisbono.

La mondopokalo estas allogantaj okulojn de homoj en la mondo. Tio estas bona ŝanco ankaŭ por allogi ilin al Esperanto. Ni devas lerni kapti ajnan ŝancon por sciigi Esperanton, alivorte ni devas lerni "movadi" por Esperanto. Laste s-ro Liu invitis la promenantojn partopreni en la kuko por ĝui gajon de la mondopokalo kaj la Esperantolingvo. La aktiveco daŭris ĝis la 22: 00.

## Fondiĝis Esplora Centro pri Eduko kaj Kulturo de Esperanto

Je la 10-a horo, dimanĉe la 29-an de aprilo 2018, okazis la malferma ceremonio de la Esplora Centro pri Eduko kaj Kulturo de Esperanto en Orienta Liaoning-Universitato. Ĝi estas la unua Esperanto-Centro de Ĉinio. Tion kune atestis pli ol 30 invititaj ĉeestintoj el Ĉina

Esperanto-Ligo (ĈEL), la estraro de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) kaj aliaj sociaj neesperantaj grupoj, i.a. reprezentantoj el studentoj, kiuj estas studantaj Esperanton.

Orienta Liaoning-Universitato, situanta en la urbo Dandong, Liaoning, estas konstruita laŭ la Rivero Yalu, kiu ligas Ĉinion al la Norda Koreio. Ĝis ĉi-jaro ĝi ĝuste havas historion de 70 jaroj. De multaj jaroj gvidantoj de la universitato ĉiam priatentas kaj subtenas Esperanton. Inter 2001 kaj 2003 ĝi enkondukis Esperanton kiel nedevigan studobjekton kun 4 studpoentoj. Tiuj studpoentoj tiam estis la plej altaj en universitatoj en la mondo, kiuj havis Esperanto-objektojn. En 2010 ĝi gastigis la 6-an Esperanto-Kongreson de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio (EKNI). Ĉi-foje Prof. d-ro Guo Yongxin, prezidanto de la universitato kaj aliaj estraranoj, refoje donis la plej grandan subtenon al la centro per bonaj kondiĉoj, ekz. altnivela akcepto de gastoj, la kunvenejo por la ceremonio, oficejo por la centro ktp.

Vic-prof. d-ro Hu Guohong, kiu okupiĝas pri eduko kaj esploro de la angla lingvo, gvidos la centron. "Akcelado" estas fizika kvanto. La "Akcelado", eduka modelo de angla lingvo kreita de li estas alte taksita. Tiucele la universitato fondis por li Instituton de Akceladaj Fremdlandaj Lingvoj. En la ceremonio li esprimis, ke li provos tiun modelon al eduko de Esperanto krom tio, ke li kunlaboros kun vastaj esperantistoj por ke ĝi fariĝu hejmo de esperantistoj, internacia interŝanĝa esplora centro pri Esperanto kaj transformiĝa platformo de atingoj en Esperanto-esploro.

Post la ceremonio sekvis la unua seminario. Post la seminario d-ro Hu Guohong, invitis 13 ĉeestintojn kiel la unuajn esploristojn de la centro kaj disdonis al ili atestilon. Samtempe li esperis, ke plimultaj en- kaj ekster-landaj esperantistoj partoprenos en la centro. S-ino Jiao Xiyang, ĝenerala sekretariino de LEA, prezidis la tutajn okazojn. Ĉiu ĉeestinto spertis kaj sentis entuziasman servon de volontulinoj el studentoj.

Wu Guojiang, vic-prezidanto de LEA, Ĉinio
ghemelurboj@sina.cn, amikeco999@21cn.com

# Koreio

## Tri agadoj en majo, junio kaj julio

1. La 20a 'Tago de Pioniro': Memorante pionirajn esperantistojn Korea Esperanto-Asocio okazigas la specialan kunvenon "Tago de Pioniro." En la 12-a de majo ĝi renkontis jam 20an kunvenon, kiu temis pri d-ro Lee Chong-Yeong, eksprezidanto de UEA kaj KEA, okaze de la 10-a datreveno de lia forpaso.
2. Kursoj de KEA kaj ĝia filio okazis en Gwangju kaj Daejeon. La unua okazis fare de Gwangju-Jeonnam-filio inter la 22-23a de junio, kaj la lasta okazis fare de KEA inter la 7a-8a de julio. Ankaŭ preĝejoj-trejnejoj de Ŭonbulismo okazigas kursojn tra la jaro. Kaj en Jindong-preĝejo okazis la 10a PoMo 'Projekto Mia' inter la 29a kaj la 30a de junio.
3. La numero de kurso en Seula Esperanto-Kulturcentro, malfermita en 1991, numeras nun 316 en julio 2018. S-ro Lee Jungkee gvidas la sinsekvajn monatajn kursojn en la kulturcentro, per kiuj li daŭre bakas novulojn kaj mezgradajn verdulojn. (Raportis SO Jinsu)

# Uzbekio

## Reviviĝo kaj progreso

Estas finita komenca kurso por la membroj de nia E-Asocio. Ĉiuj membroj (entute 12 personoj) post 12 lecionoj jam interbabilas Esperante. Tion ni sukcesis dum 6 semajnoj.

Niaj dokumentoj estis senditaj al nia Ŝtata Ministerio de Justeco por la registriĝo. Ni nun senpacience atendas pozitivan respondon.

Jam pretas E-lernolibro por la uzbekaj lernantoj kaj Esperanto-uzbeka kaj mala vortareto kun ĉ. 3000 vortoj. Post la registriĝo ni planas en oktobro okazigi Internacian E-forumon pri la komerco kaj turismo kaj ĉiujaran, tradician E-festivalon kaj ceterajn Internaciajn aranĝojn. Por efektivigi tion, ni nepre bezonas viajn konsilon, atenton, helpon.

Gafur Mirzo, prezidanto de UzEA.

# Malajzio

## La unua Esperanta skolta domo en la mondo

Sinjoro ENG <saluton2010@gmail.com>



La unua Esperanta skolta domo en la mondo komencis akcepti gastojn. Ĝi troviĝas en Simpang Ampat, apud la trajna stacidomo. La loko estas oportuna por transiri al suda parto de Tajlando, Songkla-provinco per trajno.

La loĝanto devas pagi laŭ la kategorio kiel sube por unu nokto:

A : Esperanta skolto pagas 2 ringitojn
B : Esperantao-parolanto pagas 3 ringitojn
C : Neespeantaj skolto pagas 4 ringitojn

Se vi havos intereson pri la loĝado, kontaktu WhatsApp +6011-1314-6640

## Emblemo kaj flago de Esperanto

Esperanta skolta emblemo kaj Esperanta flago aperis en la ŝtato de Pulaŭ Pinango, norda parto de duoninsulo en Malajzio inter la 18a kaj la 25a de marto 2018.

La Esperanta skolta Movado en Pulaŭ Pinango atendas la homojn por kunigi la movadon. Poste, la komisiono petas la permesilon el la registaro kiel la ne-registara organizo (NRO). Pli da agadoj ni povos fari nur post kiam ni ricevos la permesilon el la registaro. La movado nur estas por la loĝantoj de la ŝtato Pulaŭ Pinang. Estas malfacile peti la permesilon por formi la landan asocion. Estas pli facile ricevi permesilon por ŝtata asocio de NRO.



# Tajlando

## Sukcese okazis la 1-a kunveno de sudorientazia junularo




En Tajlando inter la 27a kaj la 29a de aprilo okazis la 1-a kunveno de sudorientazia junularo. Ĝi estis historia renkontiĝo en Taja Esperanto-movado. 37 homoj el 11 landoj partoprenis la kunvenon. Karesnomo de la kunveno estis KUŜEJO. Bangkoka Esperanto-Klubo "Verda Elefanto" estis ĝia organizanto. Prezidanto de TEJO Tran Hoan kaj kasisto de TEJO Bui Hai Mung ankaŭ ĉeestis la kunvenon. Vendrede la 27an de aprilo, partoprenantoj kolektiĝis ĉe la stacio Saphan Taksin en Bangkoko kaj ekskursinte en Bangkoko veturis la

Ayutthaya, kiu estis malnova ĉefurbo de la regno Ayutthaya kun multaj historiaĵoj. Samtage vespere okazis Malfermo kaj Interkona Vespero, poste sekvis nokta programo kun diversaj ludoj kaj amuzaĵoj.

En la malfermo reprezentantoj el ĉiu lando salutis al la partoprenantoj. Unika el Koreio legis salutmesaĝon de KAEM, Prezidanto de TEJO dum sia salutado menciis la gravecon de la kunveno kaj kunlaboro inter TEJO kaj azia junularo. Warut el Tajlando iom enkondukis la tajan movadon kaj dankis al eksterlandaj esperantistoj, kiuj loĝas en Tajlando kaj subtenas tajan movadon.

Sabate, la 28an de aprilo, okazis ekskurso al kelkaj famaj lokoj en Ayutthaya, estis pluvego en la mateno, sed posttgmeze pluvo ĉesis kaj ni ekskursis al flosbazaro. Vespere okazis kultura nokto kun diversaj prezentaĵoj el diversaj landoj. Okazis neformala kunveno por decidi la gastiganton de la venonta kunveno. Pradip Ghimire el Nepalo kaj Erlangaa Greschinov el Indonezio montris sian intereson okazigi ĝin en siaj landoj. Gastiga lando estos dicidita post la retaj diskutoj.

En la kunveno nek ekzistis prelegoj nek movadaj diskutoj. Ĝi estis aparta kunveno kompare kun tiuj de tipaj Esperanto-kunvenoj. Ĉiuj partoprenantoj tre ĝuis la kunvenon kaj elkore dankis kaj aplaŭdis la organizantojn.

Raportas Pradip Ghimire esploristo@hotmail.com
G.P.O Box 988, Katmanduo, Nepalo

## Japanio

### Esperanto-renkontiĝoj en Jacugatake-Esperanto-Domo

En la montaro 150 kilometrojn for de Tokio estas kursejo de Japana Esperanto-Insitututo. Tie kolektiĝas esperantistoj el la tuta Japanio.

Fine de aŭgusto okazis Nur-Esperanta Kunvivado, en kiu oni, ne parolante la japanan lingvon, trejnis sin en Esperanto-parolado.

Meze de septembro okazis Aŭtuna Renkontiĝo, kie esperantistoj kolektiĝis kun sia propra celo kaj ĝuis tri tagojn laŭ sia volo.

La Domo atendas ankaŭ eksterlandajn esperantistojn.

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Du Esperanto-libroj estis eldonitaj




## Raportoj el Japanio 21

Ekde 1988 HORI Jasuo eldonadas la serion “Raportoj el Japanio”. Li eldonis la 21an libron en majo. La enhavo estas

1. Memoro pri miaj du patroj
2. Rakonto « Pupoj de Knabina Tago »
3. Raportoj el Japanio (ĉefe pri la vizitoj al suferantaj urboj pro la japana katastrofo en 2011)
4. Miaj vojaĝoj al eksterlando

La libro estas skribita en facila Esperanto. Vi povos bone scii, kio okazis en Japanio en 2017.




## Vostoj ridas

Ĉu vi scias, kian voston ĝirafo havas ? Kiam vi vidos la sekvan paĝon en la libro, vi povos havi la respondon. Tiamaniere vi povos ĝui la voston de 9 animaloj kun viaj junaj gefiloj en ridoj.

Kaj surprize tiuj animaloj estas skribitaj per krajonoj. Tio estas mirinda arto de s-ino Sugito Juka. La libron iniciatis s-ino Itoo Ĵunko.

Ambaŭ libroj estas aĉeteblaj en la libroservo de UEA.

Kontaktu HORI Jasuo
hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Nepalo

## Okazos la 13-a Internacia Himalaja Renkontiĝo 2019

La ĉefa parto de la Himalaja Renkontiĝo 2019 estos vojaĝo al alia granda valo de Nepalo, nome Pokhara situanta okcidente 200 kilometrojn for de Katmanduo. Survoje ni haltos por vidi vidindaĵojn laŭ la riveroj Trisuli kaj Marsjagdi. De Pokhara ni povas ĝui fabelan panoramon de la montoj de Annapurna, Dhaŭlagiri kaj Manaslu (8000 metroj altaj) en la Himalaja Montaro. La pinto de Maĉapuĉre (la fiŝvosto) majeste dominas la scenon.

**Laŭtaga skizo de Panchhase-Piedvojaĝo:**
la 26an de februaro: Alveno, enhoteliĝo kaj bonvenigo
la 27an de februaro: Vindindaĵoj en Katmanduo
la 28an de februaro: Vidindaĵoj en Katmanduo
la 1an de marto: 6-hora veturado de Katmanduo al Pokhara (820m)
la 2an de marto: 4-hora marŝado de Pokhara al Pumdi (1520m)
la 3an de marto: 5-hora marŝado de Pumdi al Panchhase Vanjang (2500m)
la 4an de marto: 6-hora marŝado de Panchhase al Bhadaure (1670m)
la 5an de marto: 6-hora marŝado de Bhadaure al Naudada (1515m)
la 6an de marto: 6-hora marŝado de Naudada al Pokhara
la 7an de marto: Reveno de Pokhara al Katmanduo
la 8an de marto: Libera tago kaj Adiaŭa Vespero
la 9an de marto: Foriro

Se vi havos intereson pri la Renkontiĝo, kontaktu:
Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518 Kathmandu, Nepal.
Telefono:00977-9841273761
Retadreso: nespa.1990@gmail.com
Retejo : www.esperanto.org.np

# Irano

## Finfine Irana Esperanto-Asocio havas propran oficejon




Post 25 jaroj de la apero de nova movado en Irano (IREJO/IREA) finfine realiĝis la malnova kaj ĉiam postulata deziro havigi propran oficejon.

Dank' al d-ro Keyhan Sayadpuor, kiu ĉefe subvenciis kaj kontribuis al la afero krom la ĝenerala kaso de la asocio mem, kvar personoj kontribuis al la projekto: s-inoj Behjat Mamdui kaj Fariba Nuri Majd kaj s-roj Ahmad Reza Mamdui kaj Hamed Sufi.

La oficejo situas en la kerno de Teherano kaj ĝi atingeblas per 3 metroo-linioj. Posedo de la oficejo povas plifortigi la movadon en Irano. Oni inaŭguris la oficejon la 30an de aŭgusto.

Reza Torabi

## "Irana Esperantisto", n-ro. 26 aperis bele

La plej freŝa numero de Irana Esperantisto (IE) ĵus aperis.
http://www.espero.ir/revuo/IE-26.pdf

En tiu ĉi somera numero oni povas legi i.a. pri:

1. Sep malĝustaj kredoj pri lingvo-lernado
2. Legindaj Originalaj Esperanto-libroj
3. Esperanto en la tornistro
4. Aventuroj de pioniro

La kovrilon de la revuo ornamas la enirejo de ĵus aĉetita oficejo de IREA (Irana Esperanto-Asocio), kiu estis malfacile atingebla sonĝo de la Irana Movado, kiu tamen realiĝis per sindonaj donacoj de lokaj esperantistoj.

Cetere sur la kovrilo aperas ankaŭ la grava informo pri la 12a Mez-Orienta Esperanto-kunveno, kiu okazos en marto de la venonta jaro en urbo Kashan en Irano.

En la revuo ankaŭ troviĝas intervjuo kun s-ro Hamzeh Shafiee, kiu estas la ĉef-redaktoro de la gazeto. Antaŭe dum jaroj la gazeto aperis papere kaj ankaŭ sur la gazetaj kioskoj tra Irano kaj tamen nun ĝi aperas rete.

Kontribuaĵoj kaj komentoj estas bonvenaj por la venontaj numeroj de la gazeto, kiu aperas sezone.

Reza KHEIRKHAH <rezamenhof@yahoo.com>

# Tra Azio

## Esperanto-karavano tra Rusio, Mongolio kaj Ĉinio post la UK-2019 en Lahti

Tatjana <lota.esperanto@mail.ru>;

Ni organizas E-karavanon tra Rusio, Mongolio kaj Ĉinio okazonta post la UK-2019 en Lahti. Ĵus tion faris Jungkee en sia retejo (http://esperanto.kr/?p=4542) kaj li mem jam aliĝis al EK. Se vi deziras ricevi aldonajn informojn, vizitu

http://esperanto-karavano.info/itinero2019.html

**Provizora (nur unudirekta !) itinero de EK-2019**

Lahti – trajnumado – St-Peterburgo – trajnumado – Jaroslavlo – trajnumado – Irkutsko/Bajkal-lago – trajnumado – Ulanbatoro – trajnumado – Pekino – reveno al hejmlokoj

1. Trajnumado Lahti, Finnlando – Sankt-Peterburgo, Rusio
   27.07.2019 - 2,5-hora, posttagmeze

2. St-Peterburgo – turisma/kultura programo en SPb
27.07 – 30.07.2019 - 3-taga restado en SPb
3. Trajnumado SPb – Jaroslavlo, la urbo ĉe la riverego Volgo
30.07 – 31.07.2019 - 13-hora, dumnokta
4. Jaroslavlo – turisma/kultura programo
31.07.2019 - 11-hora restado en Jaroslavlo
5. Trajnumado Jaroslavlo – Irkutsk/Bajkal-lago
31.07 – 04.08.2019 - 83,5-hora
6. Irkutsko (+restado ĉe Bajkal-lago) – surloka turisma/kultura programo
04.08 – 07.08 - 4 taga restado en Irkutsk kaj ĉe Bajkal-lago
7. Trajnumado Irkutsko – Ulanbatoro, Mongolio
07.08 – 08.08.2019 - 23-hora, tagnokta
8. Ulanbatoro – surloka turisma/kultura programo
08.08 – 11.08.2019 - 3-taga restado en Ulanbatoro kaj ĉirkaŭaĵoj
9. Trajnumado Ulanbatoro – Pekino, Ĉinio
11.08 – 12.08.2019 - 29-hora, tagnokta
10. Pekino – surloka turisma/kultura programo
12.08 – 15.08.2019 - 3-taga restado en Pekino kaj ĉirkaŭaĵoj
11. Reveno al hejmlokoj – ekde 15.08.2019

# Esperanto-eventoj

**Tutmonde**

**2019**

07/06-14 : La 55-a Baltaj Esperanto-Tagoj (Panevezys, Litovio)
07/13-20 : La 52-a Kongreso de ILEI (Ĉaĉak, Serbio)
07/20-27 : La 104-a Universala Kongreso de Esperanto (Lahtio, Finnlando)
07/28-08/04 : La 75-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) de TEJO (Liptovsky Hradok, Slovakio)
08/04-11: La 92-a Kongreso de SAT (Barcelono, Hispanio)

**Internacia Esperanto-Sumoo**

la 54a Sumoo : 2018/09/09-23
la 55a Sumoo : 2018/11/11-25

Retejo: http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html
Vikipedio:
https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Esperanto-Sumoo
Fejsbuko:
https://www.facebook.com/groups/759066970888217/?fref=ts

**Azio kaj Oceanio**

**2018**

09/09: La 6a Vjetnama Kongreso (Vjetnamio)
09/15-17: Aŭtuna Renkontiĝo de Jacugatake-E-Domo (Jamanaŝi, Japanio)
09/29-30: Toohoku-Esperanto-Kongreso (Iŭate, Japanio)
09/29-30: Global Festa (Tokio, Japanio)
10/06-09 : La 14a Internacia Meditado de Esperanto (Koreio)
10/12-14: La 2a Komuna Esperanto-Kongreso inter Japanio kaj Koreio (La 105a Japana Esperanto-Kongreso kaj la 50a Korea Kongreso de Esperanto, Nara, Japanio)
10/20-21: Hokajdo-Esperanto-Kongreso (Sapporo, Japanio)
10/20-21: Kjuuŝuu-Esperanto-Kongreso (Kumamoto, Japanio)
10/27-28: Ĉuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso (Hiroŝima, Japanio)
12/08: Zamenhofa Vespero (Tokio, Japanio)
12/14-15: La 41a Jara Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio (Multan, Pakistano)
12/16: Zamenhofa Festo (Kanagaŭa, Japanio)
12/30-2019.01/02: Transjara Kurskunveno de EPA (Kameoka, Japanio)

**2019**

02/26-03/09: La 13a Internacia Himalaja Renkontiĝo (Katmanduo kaj Pokhara, Nepalo)
04/1-15: La Kunveno de MONA (Akaba, Israelo)

04/11-13 : La 20a Israela Kongreso de Esperanto (Eilat, Israelo)
04/19-21: Printempa Renkontiĝo de Jacugatake-E-Domo (Jamanaŝi, Japanio)
04/25-28 : La 9a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto (Danang, Vjetnamio)
Majo-Junio: La 68a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Japanio)
: La 67a Kansaja Esperanto-Kongreso (Japanio)

**KAEM-anoj**

Prezidanto: SO Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Vic-prezidanto: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com
Sekretario: Chimedtseren Enkhee, chimedtserenenkhee@yahoo.com

**Okcidenta kaj Centra Azio**

Israelo: Eran Vodevoz, evodevoz@yahoo.com
Irano: Hamed Sufi, sufihamed@yahoo.com
Taĝikio: Firdaus Shukurov, komintel@yandex.com

**Suda Azio**

Pakistano: Hafiz Abdul Qudoos Shafqat, aqshafqat1@gmail.com
Barato: Giridhar Rao, agiridhar.rao@gmail.com
Nepalo: Mukunda Raj Pathik, mpathik@gmail.com

**Sud-Orienta Azio kaj Oceanio**

Indonezio: (s-ino) Ilia Sumilfia Dewi, ilia.dewi@gmail.com
Vjetnamio: (s-ino) Nguyen Thi Phuong Mai, goldenprocom@gmail.com
Aŭstralio: Sandor Horvath, sandorhorvath07@gmail.com
Nov-Zelando: Bradley McDonald, bradley.m@orcon.net.nz

**Orienta Azio**

Ĉinio: Wang Ruixiang, lamondo@163.com
Mongolio: Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Koreio: SO Jinsu, so@kangnam.ac.kr
Japanio: Inumaru Fumio, inumaru-f@nifty.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)

Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Estrarano de UEA**

Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr

**Retpaĝoj de KAEM**

(1) La retejo de KAEM. http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356
Vi tuj gajnos la permesan rajton de la ŝanĝado de la retejo.
(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?
A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novajxo
B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado
C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
Nun tute mankas informo pri kongresoj en 2017.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

Nomota Hiongun KIM hiongun@gmail.com

…………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio kaj Oceanio**
Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (KAEM)
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM:
Retejo de KAEM : http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Japanio 371-0825 Gunma Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3